# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 89**

Bulteno de KAEM

Oktobro 2015

---

## La 8-a Azia Kongreso okazos en Ĉinio novembre en 2016.

Dato: Inter la 3-a kaj la 6-a de novembro en 2016

Urbo: Quangzhou en la province Fujian, 福建省泉州市，Ĉinio

Troviĝas la internacia flughaveno Quangzhou Jinjiang 泉州晋江国际机

En la Mezepoko la urbo Quangzhou estis prospera havenurbo. Marco Polo skribis en sia libro pri la prospero de tiu ĉi urbo.



# La 3a Sud-Azia Seminario de Esperanto

**Katunayake, Srilanko**

**la 31a de oktobro – la 4a de novembro, 2015**

## La 31a de de oktobro, 2015



Apud la flughaveno de Kolombo, Srilanko, en la urbo Katunayake okazis la 3a Sud-Azia Seminario de Esperanto en “Trans Airport Hotelo”.

Ekde la 13a horo komenciĝis registrado por la 3a SAS.

**(Foto: Trans Airpot Hotel)**




En la malantaŭa vico, de maldekstre la dua Zeiter Perera, prezidanto de Srilanka Esperanto-Asocio, de dekstre la kvara estas Saeed el Pakistano, la tria, Reddy el Barat, kaj la unua, HORI el Japanio. Gefrancojn Liba kaj Floreal vi povas trovi facile. La aliaj estas nepalanoj.

**La 2a Tago de la 3a SAS (1a 1a de novembro, 2015)**




Komitatanoj de SAS kaj KAEM-ano malfermis la 3an Sud-Azian Seminarion. Salutis el Nepalo s-ro Bharat Ghimire, Sekretario de Sud-Azia Komitato, s-ino Indu Devi Thapaliya, el Barato d-ro A Giridhar Rao kaj s-ro Kotha Naga Siva Kumar, Asista sekretario de Sud-Azia Komitato, el Pakistano s-ro Saeed Ahmad, el Srilanko s-ro Zeiter Perera, Sud-Azia Komitato kaj LKK, el Japanio s-ro Hori Jasuo, kaj el Francio s-ino Liba GABALDA (ĉeĥa kaj franca esperantistino) kaj s-ro Floreal GABALDA.

S-ro Lee Jungkee (UEA-estrarano) kaj S-ro Chimedtseren Enkhee el Mongolio sendis siajn bondezirojn.

Okazis jenaj programeroj:



1. Esperanta Kurso - gvidis s-ro Janardhan kaj s-ro Cholnath el Nepalo
2. Paroliga Kurso - gividis s-ro Reddy el Barato
3. Prelego - s-ro Hori Jasuo pri Esperanto-Sumoo kaj La Himno “La Espero”.
4. Prelego de s-ro Cholnath pri nepalaj kulturoj, lingvoj kaj multaj aliaj.
5. Prelego de s-ro Reddy pri Barata Esperanta Movado

Por scii la baratan movadon, vizitu la novan retejon: baratejo.wordpress.com.

6. Nepala Vespero

Nepala Vespero estis ege bona. Ni ĉiuj dancis kaj kantis kune kun nepalaj artistoj.




**La 3a Tago de la 3a SAS (la 2a de novembro, 2015):**

Ni ekskursis al ajurveda ĝardeno, la urbon Kandy fama pro la budhisma templo Sri Dalada Maligawa kaj Teĝardeno en Nuwara Eliya.

**La 4a Tago de la 3a SAS (la 3a de novembro, 2015):**

1. Komitata Kunsido

En la komitata kunsido ĉeestis KAEM-ano d-ro Giridhar Rao, Sekretario de SAS s-ro Bharat Ghimire, Asista Sekretario de SAS s-ro Kotha Naga Siva Kumar, konsilanto s-ro Hori Jasuo, NEspA-prezidanto s-ino Indu Devi, el Srilanko s-ro Zeiter Perera kaj SAS-ano s-ro Saeed Ahmad. Ni decidis jenajn aferojn:

(1) Pri la SAS fonduso: Ni havos fonduson de SAS sub UEA kaj uzo tiun ĉi monon por la 4a SAS.

(2) La venonta 4a SAS okazos en Barato. D-ro Giridhar Rao kaj s-ro Siva Naga proponis tion al aliaj barataj esperantistoj.

2. Prelego de profesoro Saeed Ahmad pri kulturoj kaj ĝiaj efektoj.
3. Prelego de s-ro Zeiter Perera pri Srilanka E-Movado.
4. Filmo de s-ro Floreal kaj s-ino Liba pri la Speciala Himalaja Renkontiĝo en 2014.
5. Bankedo kaj aliaj programeroj

Post la manĝado Hori gvidis bingon kaj ĉiuj estas ĝojaj, ricevinte premiojn.

**La 5a Tago de la 3a SAS (la 4a de novembro, 2015):**

Fermo de ĝojo kaj espero. Partoprenis en la 3a SAS 21 homoj el Nepalo, 5 el Barato, 6 el Srilanko, 1 el Pakistano, 2 el Francio, 1 el Japanio. Ĉiuj estis kontentaj, partoprenınte en la 3a SAS. Ni adiaŭis unu la alian kun espero.




Raporto: Kotha Naga Siva Kumar

**Mirakla sukceso** HORI Jasuo

Tiu ĉi 3a SAS mirakle sukcesis, ĉar la 26an de oktobro, 5 tagojn antaŭ la malfermo de la SAS, oni ankoraŭ ne havis seminariejon, nek loĝejon. Pradip Ghimire kaj mi flugis el Japanio al Srilanko la 26an kaj renkontis s-ron Zeiter Perera, kaj sciis, ke la seminariejo kaj loĝejo preparitaj de Zeiter ne taŭgas. La 27an ni iris al la flughavenurbo Katunayake, kaj vizitadis hotelojn kaj loĝejojn, kaj feliĉe ni trovis tiun hotelon Trans Airport Hotel. Neniu loĝis en tiu hotelo, do ni povis lui la tutan hotelon. Ni estis tre bonŝancaj. En tiu situacio, tamen, ni havis abundajn kunsidojn kaj eĉ ekskurson. Vere mirakla sukceso!

## Japanio

# La 102-a Japana Esperanto-Kongreso en Sendai

Sibayama Zyun'iti




De la 10-a ĝis la 12-a de oktobro okazis la 102-a Japana Esperanto-Kongreso en Sendai, urbo 350 km norde de Tokio. Ĝin aliĝis 407, el kiuj efektive vizitis la urbon 258 personoj inkluzive de 12 el 9 aliaj landoj.

Kiel kutime, en la kongreso abundis fakkunsidoj kaj salono por ripozi kaj aĉeti esperantajn librojn kaj memoraĵojn. Ankaŭ verda teo estis servita japanstile. Horo da "Amika Vespero" amuzis la kongresanojn. Ĉe la Fermo, la membroj de la venontjara kongresloko Oomi-Haĉiman kaj de la postvenontjara Jokohamo salutis. La kongreso tamen estis karakterizebla per sia temo kaj multaj programeroj malfermitaj al civitanoj.

**<< Kongres-teme >>**

La kongreso havis temon "Espero trans la katastrofo". En la 11-a de marto 2011, forta tertremo kaj cunamo atakis nord-orientan Japanion, kaj Sendai situis meze de la damaĝita regiono. Aŭdinte la katastrofon, multaj esperantistoj de la mondo zorgis kaj etendis helpon al tieaj esperantistoj, kaj laŭ Gotoo Hitoŝi, prezidanto de LKK, la temo simbolas dankemon al la esperantista subteno kaj la forton de espero kaj nia lingvo Esperanto cele al la estonteco. La temo kristaliĝis en multaj kongresaj eroj.

Al la publiko estis malfermitaj japanlingvaj prelegoj. S-ro Hori Jasuo, rakontis pri sia heroldado internacie per Esperanto pri siaj multfojaj vizitoj al la damaĝitaj lokoj. S-ino Takada Aja, mem suferinta de la cunamo, rakontis pri sia agado, nome per belarto kuraĝigi suferintojn. Kun interpreto, s-ro Reza Pahlevi el Indonezio rakontis pri sialanda cunamo kaj s-ro Pradip Ghimire el Nepalo pri sialanda tertremo.

Esperantistoj poste en prelegserio detale aŭskultis tiujn du eventojn, kaj aliaj japanaj prelegintoj parolis aŭ pri la malfacila vivo post atomcentrala paneo, aŭ pri katastrofoj tertremaj/cunamaj, kiuj frekventas nian landon en la historio. Ankaŭ kantoj dediĉitaj al la katastrofoj estis prezentitaj en Esperanta traduko: “Ekfloros floroj” , “Rekviemo” kaj “Por ke ni portu feliĉon al la kara hejma ter’”.

Aldone, postkongresa ekskurso celis urbon Iŝinomaki, restaŭrantan de la cunamo. Cetere la ekskurso celis viziton al la muzeo pri la vojaĝo de Hasekura Tunenaga al Eŭropo, 400 jarojn antaŭe. En la kongresa libro estas mesaĝoj el la esperantistoj loĝantaj en lia itinero, inkluzive de Meksiko.

**<< publike >>**

Krom la supre menciitaj prelegoj pri la katastrofo, okazis jenaj prelegoj kaj prezentadoj. Lige al la projekto Montevideo 60 spronita de UEA, prelegis 3 personoj rilate al UNESKO. Suzuki Keiiĉiro, la prezidanto de Japana Esperanto-Instituto revuis la rilaton de Esperanto kaj Unesko, s-ro Egaŭa Harukuni, aganto en Ŭakajama (kaj ĉi-jara

honorito de Premio Ossaka, aljuĝita al eminenta esperantisto) pri sia agado promocii Esperanton lige al Unesko. Gastoparolis s-ino Nakaĵima Mikiko, ĝenerala sekretario de Unesko-Asocio de Sendai, nome ne-registara organizaĵo, pri la agado ne-registare subteni Uneskon. Alia publike malfermita prelego estis pri "Lusin kaj Eroŝenko" de prof. Fuĵii Ŝoozoo. Ĉi-jare blinda rusa literaturisto Eroŝenko festis 125-jaran jubileon, kaj en lia vivo, ĉina restado helpite de Lusin post la forpelo el Japanio estis grava vivkariero. Estis koncerto de Esperantaj kantoj de profesia baritono, prof. Fuĵino ĵuuiĉi. Ankaŭ senpaga kurseto pri Esperanto, gvidita de s-ro Fuzimaki Ken'iĉi havis lokon.

<< **azie** >>

En la kongreso tradicie estas fakkunsidoj fokusitaj al Azio. En "Azia Agado", raportis pri landa agado, s-ro Park Yongsung (Nema) el Koreio, s-ro Pradip Ghimire el Nepalo, s-ino Tran Thi Hoan (Ĝojo) el Vjetnamio kaj s-ro Suzuki Keiiĉiro el Japanio. S-ro Reza Pahlevi el Indonezio pri lokaj agadoj. Sekvis raportoj pri la Komisiono pri Azia Esperanto Movado (KAEM), de s-ro Inumaru Fumio, pri japana junularo de s-ro Seŝimo Masaja kaj pri la 34-a Komuna Seminario kaj la 102a Universala Kongreso okazontaj en Koreio de s-ro Park Yongsung.

En la fakkunsido "Azia Junularo" libere interparolis kaj diskutis 9 gejunuloj el 5 landoj, inkluzive de s-ro Lim Hung Cheak el Malajzio, kun du observantoj.



## ESPERO en la urbo SENDAI

Raporto de Reza Pahlevi

En la urbo Sendai okazis La 102a Japana Kongreso de la 10a ĝis la 12a de oktobro 2015.

Sabate la 10an de oktobro 2015, mi iris al la urbo Sendai por partopreni en la kongreso. Mi kunsidis en jenaj kunsidoj:

1. “Azia Agado”. En ĝi ni diskutis kaj interŝanĝis informojn pri agado de Esperanto en Nepalo, Japanio, Koreio, Vjetnamio kaj Indonezio.
2. Sorobano-klaso. Mi interesiĝis pri sorobano kaj povis iomete kalkuli la simplan kalkuladon per Sorobano.
3. Mia prelego pri la cunamo, kiu okazis en la provinco Aĉeh la 26an de decembro 2004. Mi montris al la partoprenantoj filmeton de la cunamo.
4. Prelego de Pradip Ghimire el Nepalo. Li prelegis pri la katastrofo en Nepalo en 2015.
5. “Azia Junularo”, en kiu partoprenis Pradip Ghimire el Nepalo, Tran Thi Hoan (Ĝojo) el Vjetnamio, Lim Hung Cheak el Malajzio kaj Hiro Kaŭara, Suzuki Kazeto, Asao Takafumi, Jaotome Mayu, Masaja Seŝimo el Japanio. Ni diskutis pri problemoj kaj agadoj en la movado, kaj parolis ankaŭ pri niaj spertoj pri alilandaj kongresoj. Tiu agado estis tre bona por trovi solvojn de niaj problemoj.

Post la Kongreso mi vojaĝis al la urbo Iŝinomaki en la gubernio Mijagi kun aliaj partoprenantoj kiel la postkongresa programo. En la urbo la situacio kaŭzita de la cunamo estas sama kiel en la provinco Aĉeh. Multaj lokoj detruiĝis kaj multaj homoj mortis pro la cunamo. Ni havas la saman penson pri cunamo kaj tertremo. Tiuj katastrofoj doloris nin. La kondiĉo en Aĉeh, Mijagi, Nepalo kaj aliaj partoj de la mondo kompreneble estis similaj. Nur espero povas plibonigi la situacion.

Mi tre ĝojas, ĉar mi povas partopreni en la 102a Japana Kongreso kaj povas viziti kelkajn urbojn en Japanio. Mi akiris spertojn kaj informojn pli bone pri esperantaj movadoj en Japanio. Mi deziras, ke ĉiuj informoj kaj spertoj povu motivigi kaj plibonigi nin en Indonezio por labori kaj disvastigi tiun ĉi pacan lingvon.



# Tri Lokaj Kongresoj en Japanio

En Japanio ekzistas sep lokaj Esperanto-ligoj, el kiuj tri okazigis sian kongreson en oktobro.

**La 79a Hokajda Esperanto-Kongreso**

Ĝi okazis la 17an kaj la 18an de oktobro en la urbo Sapporo, kaj partoprenis en ĝi 22 homoj. La 17an okazis ĝenerala kunsido de la Ligo kaj bankedo. La 18an okazis du prelegoj malfermaj al la publiko.

S-ino Aleksandra Watanuki parolis en la temo “Influo de la japana kulturo al la pola socio – precipe pri mangao”. Ŝi fondis eldonejon de mangao (bildrakontoj) en Pollando en 1999, kaj jam eldonis 700 librojn de mangao kaj pri Japanio. Komence mangao ne estis akceptita en Pollando, ĉar oni pensis, ke ĝi estas malaltnivela eldonaĵo, sed konkerinte tiun misfamon, ŝi kaj ŝia edzo sukcesis enkonduki mangaon en la polan socion.

S-ino Joŝie Kleeman el Germanio parolis pri la temo “Kia estas internacia geedziĝo?” Ŝi, japanino, renkontis sian edzon kiam okazis la 50a UK en Japanio kaj post 3 jaroj ŝi edziniĝis. Ŝi havas du filojn, kiuj parolas kun ŝi en la japana lingvo kaj kun sia patro en la germana. Kiam ili estis knaboj, ŝi legis Esperantajn librojn. Ili akceptis tiun lingvan cirkonstancon senprobleme.

**La 56a Toohoku-Kongreso**

Ĝi okazis la 24an kaj la 25an de oktobro en la varmfontejo Iizaka en la urbo Fukuŝima kun 30 partoprenantoj kaj 31 moralaj aliĝintoj.

La 24an s-ro Tanaka Kacujoŝi parolis pri Esperantaj karesnomoj de 29 fervojaj stacioj laŭ la Kamaiŝi-linio. Poste pupteatra trupo Ruĝa Tomato montris teatraĵon “La rakonto de Taro kaj Hanako” temantan pri la fungo-kultivistaj geedzoj, kiuj suferas pro la nuklea akcidento de Fukuŝima. La 25an s-ino Jazaki Jooko parolis pri la historieto de la Esperanto-grupo “Rondo Majo”. En la deklama konkurso la unua premio estis aljuĝita al Pradip Ghimire el Nepalo. Poste ekskurso okazis al vidindaĵoj proksime de la kongresejo.

**La 16a Ĉuugoku-Ŝikoku-Kongreso**

Ĝi okazis la 31an de oktobro kaj la 1an de novembro en la urbo Ŝimonoseki en la gubernio Jamaguĉi, en kiu partoprenis 79 homoj kaj aliĝis 11 homoj. En la unua tago okazis "Kunsido de japanaj kaj koreaj junuloj", en kiu partoprenis 7 koreoj kaj multaj japanoj. En la dua tago okazis Movada Foiro, raportoj pri la vojaĝo al Irano kaj preparo pri la UK en Koreio, vizito al la Esperanto-biblioteko, 6-lingva deklamado de "Eta Princo", enkonduka klaso de Esperanto ktp.

## Esperanto-kurso en Kaŭasaki finiĝis



10-hora Esperanto-kurso de Esperanto-Societo de Kawasaki (apud Tokio) finiĝis sabate, la 7an de novembro. Ni havis festeneton kun 6 kursanoj. Koreoj, vjetnamoj, egipto kaj franco, kiuj loĝas aŭ studas en Japanio, ankaŭ partoprenis en ĝi. Entute 20 homoj kolektiĝis. Ni havis tre bonan tempon! Ses kursanoj daŭre lernos Esperanton ĉe ni.

KITAGAWA Ikuko Ikuko.kit@gmail.com

## Zamenhofaj Festoj en Japanio

11/29: Kioto-Uĵiĵoojoo-Oomi
12/2-3: Fukuŝima
12/5: Maĉida, Ŭakajama
12/6: La 23a Tokia Z-Festo, Kanagaŭa Z-Festo, Hokusecu
12/12: Gunma, Nagoja, Koobe-Harima, Macujama, Mijazaki
12/13: Sendai, Ĉiba, Tokio, Jamanaŝi, Okajama, Kagaŭa, Nara-Oosaka-Tondabajaŝi-Sakai
12/16: Hiroŝima
12/19: Kagoŝima
12/20: Fukui

## Koreio

# La 47a Korea Kongreso de Esperanto en Seulo



Korea Esperanto-Asocio okazigis 'La 47-a Korea Kongreso de Esperanto'-n en Hanguk-Universitato de Fremdaj Studoj en Seulo ekde la 3a ĝis la 4a de oktobro 2015 kun la temo “Kiel ni preparu la vojon al la 102a Universala Kongreso de Esperanto?” Ĉeestis 141 esperantistoj el 6 landoj (120 koreoj, 14 ĉinoj, 3 hungaroj, 2 japanoj, 1 iranano, 1 vjetnamo). Sub la prezido de PARK Kang (prez. de Korea Esperanto-Junularo) komenciĝis malferma ceremonio. Prof. LEE Young-Koo (prez. de KEA) salutparolis kaj proponis, ke ni ankoraŭfoje lumigu lanternon orientan. Kaj sekvis salutparolo de KANG Hongu (prez. de LKK) kaj gratulvortoj de surpodianoj kaj alilandanoj. S-ro LEE Jungkee (estrarano de UEA) voĉlegis la gratulmesaĝon de prof. Mark Fettes, prezidanto de UEA.

Kvin personoj estis premiitaj: prof. LEE Young-Koo ricevis la 15an ‘Hajpin Premio’-n pro la sukcesa gastigo de la 102a UK en Seulo; s-ino HAN Sugheui (sekretario de KEA) la 12an ‘Premio LEE Chong-Yeong’-n, ĉar ŝi plej multe varbis membrojn al KEA lastjare; JOUNG Hyeon-ju (estrarano de KEA), KAWANISHI Tetsurou (Japanio) kaj MÁRKUS Gábor (Hungario) respektive ricevis dank-esprimon pro kontribuo al Korea E-movado. Kaj s-roj JEON Gyeongdeok kaj PARK Gangmun estis gratulitaj de la partoprenantoj pro la aktiva E-movado pli ol 50 jarojn per torto.

Post la malfermo sekvis memorfoto, kaj ĉi-jare eldonitaj libroj estis prezentitaj: 'HAN Moo-hyup amanto de Esperanto kaj patrujo' kaj du tradukaĵoj de 'Montara vilaĝo' kaj 'Elpafu la sagon', kaj partoprenantoj amuziĝis de popoldanco de FDKE (Folklora Danco-Klubo de Esperantistoj) kaj prestidigitado de s-ro LEE Sun-hee. En aŭkcio 13 aĵoj estis venditaj kontraŭ 260,000 ŭonoj.

Tri simpozioj estis prezentitaj laŭ la prezido de s-ro HO Song: PARK Yongsung (vicprez. de KEA) pri 'Sinpretigado al UK 2017', SHIN Eunsook (prez. de E-Saranbang) pri 'Kvindek-persona projekto', kaj KIM Hionggun (ĉefredaktoro) pri 'Diskuto pri hejmpaĝo preparante la UK-2017 en Seulo'.

Dek fakaj kunsidoj estis aranĝitaj: Junulara Esperanto-movado (PARK Kang), IKEF-Korea (GIM Yongjin), Kliniko de Esperanta Prononcado (HO Song), Folklora Danco-Klubo de Esperantistoj (WOO Byongin), SAT-Korea (JEONG Hyonsu), Ŭonbulismo (JUNG Heayoung), Kristanismo (MA Youngtae), Libera diskuto pri "Kiel plej efike kongresi UK-on?" (SO Gilsu), Komparado de vortoradikoj de Esperanto kaj angla lingvo (SHIN Hyeonkyu) kaj Teo kaj Amo (Zhang Ping, Ĉinio). Krome pretaj estis Kun fremdlandanoj de Nan Yeuli (Ĉinio) kaj MÁRKUS Gábor (Hungario), Kurso por infanoj kaj junuloj de LEE Junghee (Hela) kaj Kurso por komencantoj de KIM Sunwook. Ĉar ne nur LKK-anoj sed ankaŭ la membroj de KEA kunlabore klopodis okazigi ĉi-jaran Korean Kongreson.

LEE Jungkee esperanto@saluton.net

# Nepalo

## Dua Speciala Ekskurso, 2016 kun AMO-Seminario

Nepala Esperanto-Asocio anoncas "12-tagan specialan ekskurson" kaj "AMO-Seminarion" ekde la 26a de februaro ĝis la 8a de marto 2016. Ĉiuj scias, ke NEspA okazigas la Himalajan Renkontiĝon ĉiun duan jaron (ĉi-jare ni okazigis la 11an). La Himalaja Renkontiĝo signifas plejparte piedvagadon en la montaro, sed tio ne taŭgas al ĉiuj aĝgrupoj.

Multaj samideanoj volas viziti Nepalon, sed timas tian marŝadon. Jen jam duafoje ni okazigis ekskurson al famaj nepalaj turismaj lokoj atingeblaj per buso kaj situantaj piede de belaj pejzaĝoj, inkluzive la famaj montaroj videblaj en Katmanduo, Ĉitŭan Nacia Parko, Nagarkot, Dulikhel kaj Pokhara.

Kvar lokoj de Nepalo estas agnoskitaj de UNESCO kiel mondheredaĵoj. En la unua, la valo de Katmanduo, reliefiĝas la urbo de Bhaktapuro, la reĝaj placoj de Katmanduo kaj Patano, la stupaoj de Svajambunath kaj Baŭdhnath, kaj la temploj de Paŝupatinath kaj Ĉangu Narajan. Dua kultura heredaĵo estas Lumbini. Plie estas la naturaj zonoj Everest Nacia Parko (1.148 km2) kaj Reĝa Ĉitŭan Nacia Parko (932 $km^2$), kiun ni vizitos dum la ekskurso.

**Laŭtaga programo**

La 26a de februaro: Alveno kaj enhoteliĝo

La 27a de februaro: Matena vizito al Baŭdhnath kaj Paŝupathinath, post tagmanĝo AMO-Seminario

La 28a de februaro: Matena vizito al Svajambhunath kaj post tagmanĝo AMO-Seminario

La 29a de februaro: Matena ferma programo de AMO kaj post tagmanĝo vizito al Bhaktapuro, kaj posttagmeze rekta vojaĝo al Nagarkot kaj tranokto tie

La 1a de marto: matena rigardado de montaroj kaj poste vojaĝo al Dulikhel (tiuj, kiuj povas marŝi, povas iri piede sed tiuj, kiuj ne povas, per buso), Tranokto en Dulikhel

La 2a de Marto: Matena vizito al Nomobuddha kaj forlaso de Dulikhel por Ĉitŭan Nacia Parko, tranokto en la parko

La 3a de marto: Observado de birdoj antaŭ matenmanĝo. Kanota veturado kaj promenado antaŭ la tagmanĝo; elefantrajdo kaj ĝangala promenado posttagmeze

La 4a de marto: Ekveturo al Pokhara kaj boatado sur Phewa lago, tranokto en Pokhara

La 5a de marto: Je la 6a horo matene ekveturo al Sarangkot por rigardi

Annapurna kaj aliajn montojn; posttagmeze ekskurso al diversaj lokoj

La 6a de marto: Matena ekskurso kaj post la tagmanĝo diversaj Esperantaj programoj

La 7a de marto: Reveno al Katmanduo frumatene kaj ripozo

La 8a de marto: Libera tago kaj adiaŭa vespero

La 9a de marto: Foriro

La kotizo estas 850 eŭroj por unu persono.

La menciita kotizo validas por dulita ĉambro. Se vi deziras unulitan ĉambron (por la tuta periodo), bv aldoni 300 eŭrojn al la menciita sumo. La kotizo inkluzivas manĝojn kaj loĝadon dum la tuta programperiodo. La programeroj ŝanĝeblas pro neatenditaj kialoj. Bv sendi la aliĝilon al Nepala Esperanto-Asocio kaj samtempe pagi la kotizon. Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O Box: 10518 Kathmandu, Nepal. Telefono: 00977-9841273761. Retadreso: nespa.1990@gmail.com

Noto: Se vi volas partopreni nur AMO-Seminarion, bv korespondi aparte. La kotizo por Amo-Seminario nure estas 100 eŭroj kun tagmanĝo.

## Israelo

### Venu al la Israela Kongreso

La Israela Kongreso en la antikva urbo Jafo, atendas vian aliĝon! Nova Informilo, kun skeleta programo kaj iomete modifitaj prezoj: http://esperanto.org.il/dosieroj/IK17unuainfo.pdf

Ekzemple: persono en dulita ĉambro kun matenmanĝo pagos 350 NIS po nokto. Vendreda vespermanĝo kostos 100 NIS, kaj por ne-loĝantoj en la hotelo - 110 NIS.

Por eksterlandaj gastoj du noktoj en dulita ĉambro kaj vendreda vespermanĝo - 160 eŭroj.

Israelanoj devas rezervi sian ĉambron rekte ĉe la hotelo (03-5264500), eksterlandanoj aliĝas che ELI.

Amri Wandel, Prezidanto de ELI

# Vjetnamio

## Aktivecoj de DODESPE-sekcio en Hanojo

« DODESPE estas aktiva esperanta grupo en Hanojo. La membroj renkontiĝas la lastan vendredon ĉiumonate, kaj diskutas pri diversaj aferoj, ekzemple : bonaj esperantaj libroj, novaj tradukoj, ĝisdatigitaj lerniloj de lingvoj…»

Vendrede, la 31an de julio 2015, DODESPE havis tre interesan kunvenon. Post rutinaj informoj, ĉiuj spektis Esperantan version de japana bildrakonto pri la “Kato, kiu vivis kaj mortis milionfoje”. La rakonto estis prezentita en Esperanto de Verda Rivero, kaj poste legita en la vjetnama de Alta, kiu preparis la *powerpoint*-prezentadon.



Oni diskutis pri la signifo de la rakonto kaj ties filozofio: Nur danke al amo de aliuloj, la kato, kiu nur amis sin mem, finfine povis eskapi el reenkarniĝo. Tiu diskuto estis bona okazo por kompreni la budhisman filozofion kaj ĉefe por praktiki Esperanton.

Vendrede, la 25an de septembro okazis speciala skajpumado inter sep DODESPE-anoj kaj la geedzoj Edith kaj Pierre Jaffré el Francio kaj paro da francaj esperantistoj. La geedzoj Jaffré iam alvenis Vjetnamion, renkontiĝis kun vjetnamaj esperantistoj, kaj ĉi-foje estas renkontiĝo kun karaj amikoj. Unu post la alia, ĉiuj partoprenantoj sinprezentis kaj parolis pri siaj preferataj temoj. Ĉiuj vjetnamoj sekvis la skajpumadon sur granda televida ekrano. Tiu reta renkontiĝo estis interkonsentita kaj planita antaŭe, pro kio ĝi respondas plene al ĉies atendoj. Fine, ĉiuj ĝoje levis sian manon por adiaŭi siajn amikojn.

Alta prezentis vjetnaman tradukon de kelkaj poemoj de Hori Jasuo en la kolekto “Memoroj pri Japana Katastrofo”. Verda Rivero deklamis la esperantan version kaj Alta, la vjetnaman. Ambaŭ versioj iras rekte al la koro de la aŭskultantoj.

Menciindas la ĉeesto de Thẳng, nia juna gasto, kiu interesiĝas pri Esperanto kaj deziras memlerni la lingvon en la reto.

Raportis: DODESPE

## Uzbekio

Karaj geamikoj,

Mi volus refoje danki ĉiujn, kiuj adresis varmajn mesaĝojn por la Internacia Letervespero 2015, dediĉita al la Tago de urbo Samarkando celebrata ĉiujare la 18-an de oktobro.

La evento bone sukcesis. Ni ricevis multenombrajn salutmesaĝojn el la tuta mondo. Multaj el la ricevitaj reeĥoj estis publikigitaj en la landaj retaj kaj paperaj periodaĵoj.

Ĉi-subas kelkaj retligiloj:

http://new.kultura.uz/view_10_r_5576.html

http://sv.zarnews.uz/tradicii/1735-obratnyy-adres-vsya-planeta.html

(papera kaj reta versioj de niaregiona tagĵurnalo "Samarkandskij Vestnik")

http://sv.zarnews.uz/kultura/1761-vecher-pisma-samarkand-i-ya.html

(papera kaj reta versioj de niaregiona tagĵurnalo "Samarkandskij Vestnik")

Por kompreni la enhavon/ Esperantigi aŭ nacilingvigi la tekston, laŭbezone vi povas uzi Translate.Google.Com.

Anatoli Ionesov imps86@yahoo.com

# Indonezio

## Invito al Trilanda Kongreso, 2016

Kiel vi eble jam scias, ke ni, indonezianoj kunlaboras kun samideanoj el Aŭstralio kaj Nov-zelando por okazigi Trilandan Kongreson la 23an ĝis 28an de marto 2016 en Bandung, Okcidenta Javo. Tiun kunlaboradon ni ekdiskutis, kiam mi partoprenis Aŭstralian Kongreson kaj somerkursaron en januaro 2015.

Ni elektis Bandung kiel kongresan urbon pro ĝia rolo kiel loko de la historia 'Konferenco Azio-Afrika' en 1955. Tiam reprezentantoj el 29 landoj interdiskutis diversajn aspektojn rilate al homaj rajtoj, egaleco kaj paco, aferoj ankaŭ ĉe la kerno de Esperanto. Alia kialo estas, ke ekzistas sufiĉe multe da junuloj, kiuj aliĝas al Esperanto-kurso sub la gvido de loka Muzeo de Konferenco Azio-Afrika kaj en la loka universitato, Pasundan.



Tial ni pensas, ke la kongreso estas ne nur aranĝo inter tri landoj, sed ankaŭ bona ŝanco por aziaj samideanoj, kiuj neniam vizitis Indonezion aŭ kiuj volas kuraĝigi niajn junulojn kaj la movadon. Pli da informo kaj aliĝilo, bonvolu turni vin al la retpaĝo de Aŭstralia Esperanto-Asocio ĉe *aea.esperanto.org.au/kongreso*. Ni preparos riĉan programon, antaŭ- kaj postkongresaj ekskursoj al aliaj partoj de Indonezio. Nepre aliĝu kaj antaŭbonvenon !

Verkita de Ilia Sumilfia Dewi : ilia.dewi@gmail.com

# Tajlando

## En Lando de Ridetoj

### (pri la E-instruvojaĝo al Tajlando julie - aŭguste 2015)

Tatjana Loskutova, Rusio

Por vojaĝi el Eŭropo al iu ajn sud-azia lando, inkluzive Tajlandon, endus havi sufiĉe da pacienco kaj fizikaj fortoj, ĉar flugo longas, des pli se vi devas fari aviadilŝanĝon survoje. Tamen, kiam vi alteriĝas, via laciĝo tuj malaperas! Ĉi-tie, inter diverskoloraj orkideoj kaj aliaj tropikaj kreskaĵoj nekutimaj por okulo de eŭropano, vivas homoj, kiuj ridetas ĉiam kaj nenien rapidas. Venante al Bangkoko, ĉefurbo de la lando, ajna homo povas ektimi : homamasoj, trafikŝtopiĝoj, fumnebuloj... kaj varmego. Sed tio estas nur unuavida impreso. Interkomunikiĝi kun tajoj estas sufiĉe simple. Se vi konsideras, ke vi scipovas la anglan, do endas forgesi pri tio. Ĝi ne funkcias pro malsimileco de prononcado, tial mimiko kaj gestoj estas pli kompreneblaj kaj akceptataj. Ĝenerale, tajlandanoj estas komplezemaj kaj bonvolemaj, ĉiam estas pretaj helpi.

Penvaloras adaptiĝi al ritmo de taja vivo, kaj rilato al loka vivo tuj ŝanĝiĝos. Ĝenerale eŭropanoj, kiuj veturas al Tajlando, ĝuas senprobleman restadon, tamen certa parto da ili ŝatus, ke ĉio estu kiel en ilia hejmlando: lingvo, manĝo, kutimoj.... Do, similaj turistoj ne sukcesos plenĝui neordinarecon kaj pitoreskecon de la lando.

Tiu-ĉi vojaĝo al Tajlando ne estis unuafoja por mi: antaŭ 3 jaroj (en 2012) post partopreno en la UEA- kaj TEJO-kongresoj en Hanojo mi profitis relativan proksimecon de Tajlando kaj pasigis tie preskaŭ 2 semajnojn por konatiĝi iom kun nova por mi azia lando. Min, venintan el norda lando, mirigis abundeco de diverskoloraj orkideoj, kiuj fascinas per sia beleco. Orkideoj ĉiulokas en flughaveno, oficejoj, vendejoj, hejmoj kaj surstrate, do ie ajn en Tajlando. Priskribi ilin eblas senfine: tiom da specoj ekzistas, ke orientiĝi apenaŭ facilas. Sovaĝaj orkideoj estas apenaŭ troveblaj por kontempli - ili kreskas en ĝangaloj aŭ sur

vertikalaj rokoj. Tiujn orkideojn, kiujn ni admiras en Tajlando, kultivas laboremaj specialistoj en farmbienoj en norda parto de la lando.

Tiutempe mi kontaktis s-ron Mark Starrs (plue – Marko). Devene li estas aŭstraliano, loĝanta preskaŭ 40 jarojn en Tajlando. Kun Marko mi ekkontaktis rete antaŭ la vjetnamia UK kaj persone konatiĝis jam en Hanojo. Li estis relative freŝbakita esperantisto lerninta memstare la lingvon. Tiam Marko jam havis okazojn renkonti E-unuopulojn, tial ankaŭ mi estis afable akceptita por kelkaj tagoj en lia gastama hejmo je 80 km for de la ĉefurbo. Tamen, ĉi-foje mia celo en Bangkoko estis alia, malpli turisma.

La aflughaveno de Bangkoko Suvarnabhumi (konstruita en la jaro 2006) estas tre vasta. Ĝi estas supozeble la plej granda en Sud-Azio, tial sen antaŭe interkonsentita loko de renkonto eblas facile perdiĝi. Io simila okazis al mi. Feliĉe, mia gastiganto Tanaka Kazuki (E-nomo Kampo), kiu afable konsentis renkonti min, kunhavis E-tukon, tial serĉado unu de la alia ne tro longdaŭris. Kampo kaj lia edzino Yuri venis el Japanio al Tajlando oficmisie. Ambaŭ parolas Esperanton, tial ili kontaktis anticipe Markon por engaĝiĝi al loka E-vivo.

Do, planante ĉi-jaran vojaĝon al Tajlando por E-instruado certe mi reskribis al Marko, kiu tuj subtenis mian ideon, kaj anoncis, ke lia edzino Nida ankaŭ profitos la okazon eklerni la lingvon. Pluse, en unu el universitatoj de Bangkoko aperis gejunuloj, kiuj komencis konatiĝi kun Esperanto sub la gvido de Marko, sed ili ĉiuj bezonis pli seriozan studon de la lingvo.

En la historio de Tajlando estis periodoj de E-instruado. Konata en kelkaj aziaj landoj pola esperantisto Joachim M. Werdin aperas instruanta en videofilmetoj en http://www.youtube.com/watch?v=gAI39o_gcSw kaj en http://www.youtube.com/watch?v=lXZmsjK2lTc. Bedaŭrinde, dumaj esploroj de loka studento Warut Bunprasert pri historio de E-movado en Tajlando estas magraj. Se iu povus sugesti por trovi iujn ĝiajn spurojn, bv. kontakti Warut-on en Facebook „Esperanto-grupo en

SWU“ aŭ en https://www.facebook.com/groups/esperanto.tajlando/?fref=ts .

Fruprintempe 2015 komenciĝis vigla interŝanĝo de mesaĝoj kaj iam skajp-interparoloj inter Mark S., Warut B. kaj mi, en kiuj ni pridiskutis eblajn organizajn problemojn kaj detalojn. Tio estis necesa por ke E-kurso okazu laŭeble oficiale, en taŭgaj instrukondiĉoj kun partopreno de sufiĉa kvanto de gelernantoj. Inter ĉiuj aperintaj variantoj okazigo de E-kurso en Srinakharinwirot-Universitato (siglo: SWU) ŝajnis al ni pli reala, des pli en Bangkoko kelkaj gejunuloj, eklernintaj la internacian lingvon, studas ĝuste en tiu-ĉi universitato. Tamen en la universitato traktado kaj diversnivelaj interkonsentoj pri oficiala okazigo de E-kurso estis sufiĉe peniga kaj longdaŭra, iam ŝajnis fiaska. Feliĉe Marko havis multe da entuziasmo kaj persisto por estraro de lingvistika fako kaj estroj de la fakultato aprobu nian proponon (antaŭe mi direktis leteron al fakultatestraro) kaj permesu (senpage) kunveni en unu el siaj klimatizitaj klasĉambroj plene ekipitaj per modernaj teknikaĵoj por 10-taga E-kurso.



La kurso komenciĝis (sekvatagon de mia alveno al Bangkoko) per komputila prezento de Esperanto: ideo kaj strukturo de la lingvo; kreinto kaj parolantoj en la mondo, precipe disvastigo de la internacia lingvo en Azio; ĝia movado kaj ĝia kulturo, ktp. Super la klasĉambra tabulo estis pendigita E-flago. Sur aparta tableto estis eksponitaj E-libroj kaj revuoj, kiuj estis poste donacitaj al E-grupo de SWU. Ĉi-enkondukan prelegon partoprenis la estrino de la lingvistika fako de la fakultato de neekzaktaj sciencoj (homsciencoj) de la SWU, s-ino Yanisa Buranachaitavee, al kiu mi esprimis koran dankon pro bonvenigo de E-kurso nome de

KAEM kaj de mi persone kaj enmanigis al ŝi E- kaj rusan memoraĵojn. Marko interpretis mian enkondukan prezenton el Esperanto al la taja lingvo.

Ĉiutage la E-kurso daŭris 6 horojn, de la 9-a ĝis la 16-a kun unuhora tagmanĝpaŭzo. Ĝin partoprenis entute 18 personoj, precipe gestudentoj de Bangkoko. Esperanto estis instruata rektametode, do sen helpo de nacia (taja) lingvo. Dum daŭro de la dua semajno okazis nacia festo de Budhisma Festo en Tajlando - Ŭan Koŭ Pan-sa (วันเข้าพรรษา), dum kiu multaj oficejoj kaj entreprenoj ne funkcias. Ankaŭ en lernejoj kaj en universitatoj oni ne studas. Por mi tiu-ĉi evento estis neatendita, tial oni devis senprokraste decidi pri daŭrigo de la kurso aliloke. La kursanoj faris diversajn proponojn: de luado de hotelĉambro ĝis okupo de kelkaj benkoj apud la fakultato. Finfine oni decidis kunveni ĉe la biblioteko sur teritorio de la SWU, apud kiu estis kelkaj seĝoj kaj longaj tabloj. Unu el kursanoj alportis tekkomputilon, alia – projekciilon, tria – ŝnurkondukilojn. La muro devis servi kiel ekrano. Ĉebiblioteka subtegmentejo estis sufiĉe spaca, do neniu suferis pro suno. Tamen pro manko de klimatizilo ŝvitis ni ĉiuj: tiu tago estis precipe malfacila fizike kaj por la kursanoj, kaj por mi, instruisto. Sed ni ĉiuj stoike eltenis varmegon. Sekvatage ni havis bonŝanĉon (dank' al zorgo de unu el kursaninoj) translokiĝi al eksterlerneja ĉambro de studenta komunloĝejo de la SWU je kelkaj metroj de la fakultato. Same estis alportitaj bezonataj teknikaĵoj. Fine de la kurso 10 personoj sukcese ekzameniĝis kaj ricevis atestilojn de la SWU (bv. vidi alkroĉe kopion de unu el enmanigitaj atestiloj).

Jen mi prezentas impresojn de kelkaj gekursanoj pri la E-kurso.

Amormthep  Aphai (Bonulo): „Mi estas Herfar, ankaŭ mi havas esperantan nomon "Bonulo". Dum la Esperanto-kurso lernado de Esperanto donis al mi eblecon amikiĝi, kio ne havas limon, kaj tio estas bona avantaĝo. Dankon al instruistino Tatjana, kiu donis ĝin al mi".

Pawina  Srithong (Ĝib): „Mi estas Ĝib, mi estas 22-jaraĝa junulino, mi studas en fakultato de Artoj, en Universitato Chulalongkorn. Jen miaj impresoj pri Esperanto-kurso. Mi ŝatas la metodon de la instruistino Tatjana, kiu paroligis min multe kaj ŝi instruis nur per Esperanto dum sia instruado. Tio estas bona metodo por lernantoj kompreni Esperanton, kaj mi ŝatas materialon, kiu havas diversajn tipojn. Pri instruistino: ŝi strebis kaj penis tiel instrui al gelernantoj por ke ili vere komprenu".



Wongsakorn  Teerakanok (Volk): „Mia nomo estas Volk, kaj mi estas instruisto pri la angla lingvo en Tajlando. Mi lernis Esperanton kun nia kara instruisto s-ino Tatjana. Kvankam estis nur mallonga kurso, sed mi estas lerninta tre multe. Mi ankaŭ havis kelkajn novajn esperantajn

geamikojn. Mi esperas, ke okazos aliaj bonaj E-kursoj en Tajlando kaj estos pli multaj tajlandaj esperantistoj en la E-mondo“.

Jatupat Yannitikun (junulino): „Mi estas Saisai. Mi studas la anglan kaj la japanan en Universitato Ramkamhaeng. Mi estas lingvo- ŝatanto kaj kiam mi eksciis pri okazigo de Esperanto-kurso, mi tuj esploris, kio estas Esperanto, ĉar mi neniam antaŭe aŭdis pri ĝi. Kiam mi estis en la kurso, mi sentis, ke Esperanto estas amuza kaj ne malfacila: mi povis diveni signifon de vortoj en mia unua partopreno. Mi opinias, ke la instruistino havas sperton en la instruado. Mi pensas, ke mi havis bonŝanĉon esti ŝia lernantino. Kvankam mia ĉeesto estis mallonga, tamen mi ŝatis la kurson kaj havis bonajn rilatojn dum la kurso. Dankon al la instruistino Tatjana por scioj kaj ĉio, kion ŝi donis al mi“.

Jitlada Praditsiringam (Ĝen): Mi estas Ĝen. Mi estas el Tajlando. Mi havas 20 jarojn. Mi estas studentino kaj studas en la Universitato Srinakharinwirot. Mi studas en la fako de elementa edukado. Mi tre ĝojas ke mi povis renkontiĝi kun novaj amikoj en la kurso. En la kurso komence mi sentis, ke instruistino estis serioza kaj mi timis ŝin. La kurso ne havis tajan lingvon kaj estis nur en Esperanto, pro tio mi havis kapdoloron, sed tio estas bona sistemo por lerni la lingvon.

Dimanĉe la SWU estas fermata, tial estis ripoztago ankaŭ por niaj kursanoj. Mi profitas la okazon viziti la plej famajn vidindaĵojn de la ĉefurbo (la Grandan Palacon kaj Wat Po) en kompanio de Yuri T., kiu bone orientiĝas en Bangkoko. Bangkoko estas urbo de bonkoraj kaj sinceraj, viglaj kaj ridetantaj tajoj. Memkompreneble, oni ridetas ĉie en la mondo, iam sincere aŭ ne tre. En Rusio, ĝenerale, oni senkaŭze ne ridetas. Kio koncernas tajojn, do iliaj ridetoj enhavas ion specifan: ridetoj plenumas diversajn taskojn, kaj ilia esenco estas pli profunda. Por esti pli preciza, en Tajlando ekzistas pli ol 10 aspektoj de ridetoj, kies nuancojn povas diferencigi, sendube, nur loĝanto de Tajlando, la Lando de Ridetoj. Ekz., rideto de ĝentileco kaj rideto de venkinto, rideto de granda ĝojo/feliĉo kaj rideto de konfuzo/kulpo, rideto de

orgojlo/fiereco kaj rideto de sendefendeco ktp. Ridetante tajoj kredas, ke ili faras sian vivon, karmon kaj la mondon iom pli bona. Ŝajnas, ke ili pravas.

La E-kurso finiĝis, sed post ĝi okazis kelkaj E-kunvenoj aŭguste. Unu el ili kolektigis gejunulojn en la domo de M.Starrs, de kiu oni startis al la insulo Ko Sichang (เกาะสีชัง). Tie oni pasigs la tutan tagon, konatiĝante kun ĝiaj vidindaĵoj, admirante la naturon kaj praktikante Esperanton. Alian fojon oni kunvenis sub la sama tegmentejo ĉe la biblioteko de SWU. Dum ĝi oni parolis pri okazigo de eblaj E-aktivaĵoj en la grupo. Tiam al la kunveno venis juna esperantistino el Indonezio Yani K Wulandari, kiu invitis ĉiujn al Trilanda E-kongreso en indonezia urbo Bandung en marto 2016. Espereble, kelkaj personoj el Tajlando sukcesos partopreni ĉi-kongreson. Postkunvene ni vespermanĝis kune en unu el apudaj restoracietoj.

Adiaŭante ni interkonsentis kontakti skajpe por daŭre praktiki la lingvon. Jam okazis tri sesioj de skajpumado.

Kiam oni dense kunagadas/kunlaboras (dum kelkaj sinsekvaj tagoj kaj pluraj horoj), establiĝas siaspeca kontakto, kiu kreas amikecon kaj interkompreniĝon. La samo okazis al partoprenantaro de la E-kurso, kies funkcio, mi esperas, servos al evoluo de E-movado en Tajlando.

# Paĝo de KAEM

## Aktivuloj, membriĝu al UEA subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligos vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare aŭ retan version. Vi ne plu estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn tri aferojn.
1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.
2) Viaj agadoj por la movado en 2014 kaj planoj en 2015.
3) Membreco: MG, MJ (-T) aŭ MA (-T)
   * MG : kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado kaj la revuo Esperanto rete.
   MJ (-T) : kun Jarlibro kaj la revuo Esperanto rete (kaj ĝis inkl. 29 jaroj, membroj en TEJO kun Kontakto)
   MA (-T) : kiel MJ (-T) plus la revuo Esperanto
2. Sendu rete al s-ro INUMARU Fumio inumaru-f@nifty.com Aŭ sendu ĝin poŝte al KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI) Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
   * Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.
3. Limdato: la 24a de decembro 2015.

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson <u>en Esperanto</u>!**
2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

**Peto al riĉaj ĉinoj**

Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA, kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio" .

* En 2014 membriĝis el Vjetnamio, Ĉinio, Indonezio, Mongolio kaj Taĝikio. Certe troviĝas kandidatoj pri tiu subvencio en aliaj landoj. Ne forgesu peti.

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

2016. 7.23~30 / La 101a Universala Esperanto-Kongreso (Nitra, Slovakio)

2017.7.22~29 (verŝajne) / La 102-a Universala Kongreso de Esperanto (Seulo / Koreio)

## Azie

12.25~26 / La 38-a Kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio (Lahore, Pakistano)

12.25~28 / La 34-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj (Koreio)

12.30~01.02 / Transjara Kurskunveno de Esperanto-Populariga Asocio (Kameoka, Japanio)

2016. 01.02~03 / La 9-a Nordorienta kaj Interna Mongolia Kongreso de Esperanto (Harbino / Ĉinio)

2016.02.28~3.9 / La 2a Speciala Himalaja Renkontiĝo (Katmanduo, Ĉitŭan, Pokhara / Nepalo)

**KAEM-anoj**

**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la bulteno "Esperanto en Azio"

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)

**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)

**Pakistano:** s-ro Tariq Umar Chaudhry tariquch@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS
**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)
**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com
Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto), retejo de KAEM
**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com
Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj
**Indonezio:** s-ino Ilia Sumilfia Dewi ilia.dewi@gmail.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**
Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro@hotmail.com.co.jp
**Estrarano de UEA** Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

…………………………………………………………………………

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAEM: <azio@yahoogroups.com>
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
http://www.esperantoazia.net/club/myclub/?url=kaem
(«Esperanto en Azio» troviĝas en tiu retejo ekde n-ro 83)
Nova KAEM retejo (preparata):
http://www.EsperantoAzia.Net/nova.php
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3